# ESPERANTO EN AFRIKO

Numero 9
(2009: 1)

Bulteno de la
Afrika Komisiono de UEA



*Karaj gelegantoj,*

*Eventoplena jaro por Afriko ĵus finiĝis, kaj alia ĵus komenciĝis en tute entuziasmplena etoso. De Benino al Burundio, de Malagasujo al Togolando pli kaj pli vigliĝas la movado, ĉu pere de okazigo de lokaj seminarioj, ĉu pere de kongresoj. La unua numero de nia bulteno por la jaro 2009 dediĉos sin al raporto de eventoj agadplenaj en multaj afrikaj landoj. Ĝi ankaŭ estas kanalo por eklerni pri la historio de la movado en unuopaj landoj afrikaj.*

*La redaktantaro*

***

## DEZIRVORTO DE LA AFRIKA KOMISIONO

Gesamideanoj,

Kiel respondeculo pri eksteraj rilatoj de la Afrika Komisiono de UEA, mi solene kaptas la nunan okazon de tiu ĉi jarfino 2008 por denove kaj kiel kutime alparoli al vi.

Karuloj miaj, vi ĉiuj diversloke kaj diversmaniere dum la pasinta jaro 2008 laboradis favore al nia komuna cellingvo Esperanto. Tial mi humile kaj sincere dankas al vi ĉiuj.

Al la eksterafrikaj esperantistaj instancoj kaj al la donacemaj esperantistoj, kiuj materiale, idee kaj finance subtenis kaj apogis niajn diversajn agadojn: ni ĉiam estas dankaj al vi.

Alie notindas, ke pro niaj diversaj esperantistaj agadoj ni, vole aŭ nevole, iam ofendis aliulo(j)n. Tiel ni ĉi tie korinkline prezentas al ĉiuj ofenditoj niajn amikajn kaj emociplenajn pardonpetojn. Sojle de la nova jaro 2009, ni nepre unuigu niajn ideojn, fortojn kaj opiniojn por ke kune ni progresigu nian kontinentan Esperanto-movadon. Ĉar nur decidante agadi en sama spirito de komuna frateco kaj sincereco, ni iam sukcesos idealigi nian komunan revon.

*Antoine Kouassi Kouablan (respondeculo pri eksteraj aferoj de la Afrika Komisiono)*

# AGADE TRA AFRIKO

• **Benino**

**Tritaga seminario por meznivelaj gelernantoj en Azove**




Plenvarme okazis tritaga seminario kun la celo prepari aliajn junajn esperantistojn por Benino. Al la aranĝo aliĝis 32 gepartoprenantoj el diversaj kluboj: Sankta Harmonio (Ayahohoué: 15), Monda Familio (Azove: 11) kaj Nova Sento (Hondjin: 6). Al ili aldoniĝis tri instruistoj. La seminaria programo tre buntiĝis je multaj koloroj: gramatiko, historio, bildstrio, kapableco je klubgvidado, kaj instruado per diversaj instrumetodoj, interalie la gvidmetodo de Stano Marĉek, *Cours de langue internationale espéranto*, *Cours Ferez* kaj *Gerda malaperis*. Kurso pri baza uzo de komputilo ankaŭ okazis.

La 22-an de decembro 2008 okazis tutsolene la malfermo per la voĉo de la oficisto de UEA/AO Agbenou Kodjovi Francis, kiu tre ambicie impresis la geseminarianojn elmontrinte la indecon de Esperanto. Li varme bonvenigis la partoprenantojn kiuj ofertis tempon por ĝui tiun seminarion. Krome li dankis la direktoron de la kolegio ŝtata kiu gastigis tiutipan seminarion por la unua fojo en la historio de la Esperanto-movado en Benino. Sekvis la alparolado de la ĉeforganizanto de la seminario, nome Latifou Gbadamassi, kiu prezentis al la popolo la gravecon de la seminario kaj atentigis ilin pri la jenaj punktoj:

1. la utileco de Esperanto al la mondo, al Afriko kaj al ĉiuj;
2. la universaleco de Esperanto;
3. la agnosko de Esperanto fare de Unesko;
4. la idealismo de Zamenhof.

La fondinto de la privata bazlernejo de la vilaĝo Hondjin, kiu tutkore akceptis la instruadon de la internacia lingvo Esperanto en sia lernejo antaŭ unu jaro, kaptis la okazon por danki la ĉeestantojn.

Poste intervenis Pierre Houenavo, Esperanto-instruisto en alia lernejo, por rakonti pri sia vojaĝo al Roterdamo por partopreni en UK. Ĉeestantoj miris pri kiel li kapablis dialogi kun homoj el diversaj landoj danke al Esperanto.

Notindas, ke la tritaga seminario okazis en la mezgrada ŝtata lernejo de Azove (CEG 1 d'Azove). Jen la programo.

| Lundo | Mardo | Merkredo |
|---|---|---|
| 8h00-8h30 Malfermo de la seminario | 8h00-10h00 Projekto Mondo-rondo | 8h00-9h45 Gramatiko |
| 8h30-9h30 Historio | 10h00-10h15 Paŭzo | 9h45-11h30 Instrukapabligado |
| 9h30-9h45 Paŭzo | 10h15-11h15 Historio | 11h30-12h30 Bazaj konoj pri komputilado |
| 9h45- 11h30 Gramatiko | 11h15-12h30 Gramatiko | 11h30-14h30 Paŭzo |
| 11h30-12h30 Instrukapabligado | 12h30-14h30 Paŭzo | EKZAMENO |
| 14h30-15h30 Bazaj konoj pri komputilado | 14h30-15h30 Instrukapabligado | Skriba parto: |
| 15h30-16h30 Gramatiko | 15h30-16h30 Bildstrio | 14h30-15h30 Diktaĵo |
| 16h30-17h00 Paŭzo | 16h30-17h00 Paŭzo | 15h30-16h30 Gramatiko |
| 17h00-18h00 Bildstrio | 17h00-18h00 Projekto Mondo-rondo | 16h30-17h30 Historio kaj bildstrio |

Ni dankas al UEA, al la Afrika Oficejo kaj al la Akademia Klubo, kiuj dece interkunlaboris por la sukceso de la seminario.

*Raportis Pierre Houenavo*

• **Togolando**

**Ĝenerala raporto pri la 16-a Togolanda Esperanto-Kongreso (TEK)**

Post alveno kaj instaliĝo de la gekongresanoj, la 26-a de decembro estis aparta tago en la programo de la kongreso. Okazis Zamenhof-festo gvide de la junulara sekcio de UTE, nome JOTE, kies estraranoj (Moise Sedjro, Edah Gadoufia) prelegis pri la vivo de Zamenhof, la kreinto de la internacia lingvo. Dum la prelego, kiun ĉeestis multaj gekomencantoj kaj kelkaj scivolaj lokanoj, oni aŭskultis la mesaĝon kiun Hans Bakker el Nederlando sendis al la festo.

Sekvis kurso por komencantoj kaj Ekzameno A de TIETO, gviditaj respektive de s-roj Adjevi Adje kaj Koffi Doumegnon. Interkona vespero, komitatkunsido (kun dekdu punktoj), kaj trejnado de la futbala teamo gvidita de Agossou Davon, instruisto pri matematiko en Instituto Zamenhof, fermis tiun unuan tagon en Vogan.

La bonvenigaj vortoj de la prezidanto de UTE, s-ro Agbehou Ayaovi, lanĉis la malferman ceremonion en la 27-a de decembro 2008. S-ro Adje, reprezentanto de la komitatestro, malfermis la kongreson post la kantado de la nacia himno. Sekvis poste intermezoj kaj legado de la multnombraj mesaĝoj adresitaj al la kongreso de Hans Bakker el Nederlando, Renato Corsetti el Italio, Princo Henriko el Niĝerio, beninano Jean Codjo el Kanado, Pastro Duilio Magnani el Italio, Mirejo el Japanio, Esperanta Civito el Svislando, Evelyne el Francio, Haldo el Svedio, togolandano Doglo el Usono, togolandano Messan Adjaf Agbolo el Belgio, ĉeĥino Vladka el Belgio, Saliko Pyhala el Finlando, togolandano Kossi Super el Senegalio, Antoine Kouablan el Ebura Bordo, kaj Nelly Holevitch el Nederlando.

La malferma ceremonio finiĝis per kantado de la Esperanta himno kaj vizito al la ekspozicio. Sekvis poste la prezentado de la kongresa temo kaj debato pri ĝi, gvide de s-roj Apéléte Agbolo kaj Djifa Gbeglo. Posttagmeze okazis la kutima futbalmatĉo, ĉi-kaze inter la kongresa teamo kaj loka teamo (t.e. *New Star* de Vogan). La kongresa teamo venkis per du goloj kontraŭ unu.

La vespera programo komenciĝis per la ĝenerala asembleo, dum kiu la elekta komisiono, konsistanta el Adjevi Adje kaj Koffi Doumegnon, prezentis la 25 novajn komitatanojn, el kiuj 11 estos komitatanoj A kaj 14 komitatanoj B; la elekto de 10 komitatanoj C fare de la komitatanoj A kaj B altigis la tutan nombron al 35 personoj. La elekta komisiono prezentis ankaŭ la diversajn kandidatiĝojn por la diversaj postenoj en la gvidorganoj de UTE. La novaj estraroj prezentiĝas jene:

Estraro de UTE: prezidanto, Ayaovi Agbehou (reelektita); vicprezidanto, Kokou Elom Attaglo; ĝenerala sekretario, Apéléte Agbolo (reelektita); vicsekretario, Koffi Jérôme Kouevigan; kasisto, Kouessanvi Brice Agbassou (reelektita).

Estraro de JOTE: prezidanto, Kodjo Moïse Sedjro (reelektita); vicprezidanto, Djifa Gbeglo; ĝenerala sekretario, Gadoufia Kingslim Edah (reelektita); vicsekretariino, Massan Judith Kossivi; kasistino, Yawa Amegadze.

Gvidantaro de la komitato: estro, Adjévi Adje; vicestro, Etsri Dravie; unua protokolanto, Kodjovi Avomenou Kodjovi; dua protokolanto, [vakas].

Sekvis la kvizo, post kiu s-ro Kokou Elom Attaglo vigligis la halon per la muzikparatoj de Instituto Zamenhof ĝis la sekvanta frumateno. Notindas, ke la gekongresanoj gajnis diversajn premiojn loterie, aŭkcie, ktp.

Malgraŭ la laboroj dum la antaŭa nokto, la gekongresanoj jam je la sesa horo matene en la 28-a de decembro ellitiĝis por purigi la kongresejon. Tiel startis la lasta tago. Post la matenmanĝo, komenciĝis la ĝenerala asembleo gvide de la malnova gvidantaro de la komitato. Dume, oni aŭdis la diversajn jarraportojn de la sekcioj kaj kluboj de UTE, la jarraporton de JOTE (prezentitan de Edah Gadoufia), la jarraporton de la estraro de UTE (prezentitan de Apéléte Agbolo, ĝia sekretario) kaj la financan raporton (prezentitan de Kouessanvi Agbassou, ĝia kasisto).

La diversaj kotizoj por 2009 estas jene fiksitaj. Aliĝo al UTE: 200 FCFA por klubanoj, 1000 FCFA por individuaj membroj. Jarkotizo por UTE: 250 FCFA por klubanoj, 500 FCFA por individuaj membroj.

Kongreskotizoj por la 17-a TEK: ĝis fino de oktobro 2009, 1000 FCFA; dum novembro 2009, 1250 FCFA; dum decembro 2009, 1500 FCFA. La tarifo por aliaj afrikanoj estas la sama kiel por la togolandanoj. La neesperantistoj pagas kvaroble. Eksterafrikanoj pagas 40 eŭrojn.

La diversaj kunven-datoj estas jenaj. Por la triopo de estraroj de UTE, JOTE kaj la gvidantaro de la komitato, la unua okazos la 7-an de februaro 2009, kaj la dua la 16-an de septembro 2009. Por la komitato de UTE, la unua okazos la 4-an de aprilo 2009, kaj la dua la 7-an de novembro 2009.

Ses urboj estas proponataj por gastigi la 17-an TEK. La komitato dum sia unua kunsido elektos inter Lomé, Tsévié, Togoville, Atakpamé, Kpalimé kaj Masseda. Same ĝi decidos pri la dato, elektante inter: de la 26-a ĝis la 27-a de decembro 2009, kaj de la 26-a ĝis la 28-a de decembro 2009.

La ferma ceremonio sekvis la ĝeneralan asembleon, kaj komenciĝis per la diskonigo de la rezultoj de la Ekzameno A de TIETO. El la tri kandidatoj kiuj sidis ĉe la Ekzamenon A, nur unu (Ampah Koffi) sukcesis. La kongresan rezolucion kaj la ĝeneralan raporton pri la kongreso prezentis la




sekretario de UTE, Apélété Agbolo. Sekvis poste la prezentado de la KOK-anoj, kiujn gratulis la eksa komitatestro, s-ro Sagbadjelou Kokou.

La dankvortoj de la reelektita prezidanto de UTE, la fermaj vortoj de la novelektita estro de la komitato s-ro Adjévi Adje, la kantado de la Esperanta himno, la grupa fotiĝo kaj kuna manĝo finis la programon de la 16-a Togolanda Esperanto-Kongreso en Vogan.

La gekongresanoj disiĝis kun plano rendevui ĉe la 17-a TEK en 2009. La kongreson partoprenis 74 personoj, el kiuj tri infanoj.

**KONGRESA REZOLUCIO**

La 16-a Togolanda Esperanto-Kongreso, okazinta en la urbo Vogan de la 26-a ĝis 28-a de decembro 2008 kun partopreno de 74 geesperantistoj, havis kiel temon "Edukado al paco". La rezultoj de la debato pri la temo montras jenon. La gekongresanoj,

*Rimarkinte,* ke paco estas la sola radiko por ĉia speca evoluo, ke paco sen justeco ne estas vera paco sed trankviliĝo;

*Konsiderante,* ke la konfliktoj ĝenerale naskiĝas en kapoj de homoj antaŭ ol esti videblaj;

*Konsiderante,* ke paco ne estas nur vorto sed konduto;

*Rekomendas:*

1 – al membroj de UTE, okazigon de seminario pri kulturo de neperforto, gvidita de spertulo;

2 – ke UTE havu apartan rigardon al homaj rajtoj;

3 – ke la konduto de ĉiu membro en sia privata vivo kaj en asocio reflektu justecon, komprenemon kaj amikecon;

4 – ke ni eduku tra niaj konduto kaj vivo, niajn infanojn kaj junulojn al toleremo kaj interkompreniĝo;

5 – ke ni, togolandaj esperantistoj kredu kaj kunlaboru honeste kun niaj pioniroj;

6 – ke ni estu solidaraj unu kun la aliaj, por porti pli alten la torĉon de nia Togolanda E-movado.

*Farita en Vogan, la 28-an de decembro 2008* *La Kongreso*

• **Angolo**

En la 3-a de novembro 2007, policistoj kune kun siaj kunlaborantoj detruis la kvartalon Paciencia en sektoro 5 de Kamama, kie troviĝas la Esperanto-Domo, kiu ankaŭ suferis atakojn. Post kvar monatoj la tribunalo de Luanda juĝis la aferon kaj pravigis la popolon.

Tial ni jam riparis la Esperanto-Domon, sed restas ankoraŭ kelkaj farendaĵoj. La registaro de Angolo kune kun la partio MPLA ekkunlaboras kun la komisiono kiu respondecas pri la kvartalo. Tiel ili povas modernigi la kvartalon. Sed ili ankoraŭ ne decidis pri repago por la detruitaj domoj, nek donis konsideron al la situacio de la malriĉuloj kiuj suferas vivante ekstere de siaj dometoj kaj ne scias kion fari por havi monrimedojn pere de kiu ili povus rekonstruigi siajn detruitajn domojn.

*Raportis Dialundama Michel (prezidanto de la Esperanto-Domo)*

• **Niĝerlando**

**Ĝenerala raporto de la jaro 2008 de Niĝerlanda Esperanto-Klubo (NEK)**

Post la bela vigligado de la pasinta jaro, NEK kaj ĝiaj anoj daŭrigis sian strategion por igi homojn interesiĝi pri Esperanto. Jen tio, kion NEK faris laŭ rubrikoj:

**1. Informado**

– Aktivadoj en la universitato de Niameo
– Utiligado de la leteroj de s-ino Mireille Grosjean
– Informado ĉe la oficejo de la prezidento de la respubliko
– Dissendado de informoj pri Esperanto en radio- kaj televid-elsendoj
– Aperigo de artikolo pri Esperanto en la oficiala ĵurnalo de la lando

**2. Rilatoj**

– Rilatoj kun la orfejo de REMAR en Niameo
– Rilatoj kun kristanoj de la urbo pri instruado de Esperanto

Niĝerlando ne partoprenis la ILEI-konferencon en Portonovo, Benino. La organizantoj de la konferenco ne respondis al la peto de NEK transdoni la subvencion al alia ano ĉar Souleymane Yahaya ne povis ĉeesti.

Post tri monatoj, la anoj de NEK kunsidos por oficialigi la movadon en Niĝerlando kaj solvi la organizajn problemojn.

*Souleymane Yahaya Dote (respondeculo pri informado kaj rilatoj)*

***

# HISTORIE TRA AFRIKO

## ESEETO PRI LA HISTORIO DE ESPERANTO EN EBURA BORDO

La historio de Esperanto en Ebura Bordo ekis jam en la jaro 1963, kiam s-roj Seka Hyacinthe (iama prezidanto de EBEA) kaj Gnanon Sie (iama vicprezidanto de EBEA), tiamaj studentoj pri agrikulturo kaj hidraŭliko en Zagreba universitato, konatiĝis kun Esperanto. Do ili eklernis la lingvon, kaj rehejmiĝinte ili pli serioze sin dediĉis al ĝi kaj ĝin instruis al siaj konatoj. Post jaroj

da tia laboro,la registaro de la unua ŝtatprezidento Hufuet Bojni oficiale agnoskis Esperanton en 1983. Tiel oficialiĝis la landa movado.

Post tiu ĉi agnosko, la pioniroj pli kuraĝe kaj entuziasme agadis diversmaniere kaj diversloke. Ekzemple, ili gvidis kelkajn kursojn de Esperanto en iuj kvartaloj: Williamsville, Adjamé, Yopougon el Abiĝano. La tiamaj gelernantoj estis el pluraj sociaj tavoloj – ekzemple masonistoj, studentoj, laboristoj kaj eĉ senlaboruloj – kaj ili ĉiuj lernis la novan lingvon kun granda sento kaj entuziasmo. Ili ankaŭ disdonis plurajn Esperantajn flugfoliojn, en la laborejoj, lernejoj kaj eĉ surstrate.

En 1985 du neforgeseblaj kaj agemaj samideanoj – nome s-roj Gilles Wallez, tiama instruisto pri fiziko en la teknika liceo de Abiĝano, kaj Antoine Kouassi – aliĝis al la nacia asocio *Association ivoirienne pour l'espéranto* (AIE; aŭ Eburborda Esperanto-Asocio = EBEA). Tiel la laborskipo fariĝis pli komforta kaj pli laborema, ĉar ankaŭ s-roj Seka kaj Wallez ekgvidis Esperanto-kursojn en la teknika liceo kaj en mezlernejo, respektive en la kvartaloj Cocody kaj Adjamé.

En 1987 oni organizis baznivelan Esperantan ekzamenon de la franca instituto por Esperanto en Abiĝano: mi tiam estis unu el kvar kandidatoj, kaj ni ĉiuj sukcesis ĉe ĝi.

Samjare (1987) mi kaj nia karmemora samideano kaj amiko Yassi verve reprezentis nian landan asocion dum la centjariĝo de Esperanto en Varsovio (Pollando).

En 1988 ni enkondukis Esperanton en la eburbordan elektronikan instituton en la kvartalo Williamsville, kie mi mem instruis Esperanton al pli ol 200 gelernantoj kvinfoje semajne. Ankaŭ en la mezlernejo Williams Ponty el la kvartalo Yopougon, s-ro Gilles Wallez instruis Esperanton. En la sama jaro Yassi kaj mi ekspoziciis pri esperantaĵoj dum la nacia semajno pri literaturaĵoj kaj kulturoj en la nacia biblioteko de Abiĝano. Bonŝance tri ministroj (ministroj pri edukado, informado kaj internaj aferoj) vizitis nian Esperantan standon kaj ili parolis kun ni pri Esperanto. En 1989 ni malfermis Esperanto-kursojn en la junulara centro pri edukado kaj ankaŭ en la instituto pri lingvoj, kie mi instruis Esperanton ne nur al gestudentoj sed ankaŭ al la tieaj oficistoj.

Mi faris kelkajn intervjuojn pri Esperanto en nia nacia radio kun s-ino Sally Phillips el Britio kaj s-ro Gérard Paing el Francio. En 1990 UEA kaj EBEA kune esploris pri la ebloj kunorganizi tutafrikan Esperanto-kongreson en Abiĝano, sed bedaŭrinde ĝi ne okazis pro la tro granda kosto de la organizaj infrastrukturoj en Abiĝano, kaj do UEA direktis sin al Togolando kaj okazis tie la unua Afrika Kongreso).

En 1991 ni malfermis Esperanto-kurson en la elementa lernejo de la vilaĝeto Amangoua-koi, kie Wallez kaj mi instruis Esperanton regule dum tuta jaro (ĉar ne nur la gelernantoj ĝin lernis sed eĉ la vilaĝanoj). Ni krome kreis la lernejan informilon *La kuriero de Amangoua-koi*, kies enhavo estis tre interesa ĉar ene estis belegaj mirrakontoj, tradiciaj moroj kaj kutimoj, kaj eĉ kelkaj allogaj desegnaĵoj de niaj gelernantoj. Ni ankaŭ ĝemeligis tiun lernejon al la usona lerneja grupo "Infanoj ĉirkaŭ la mondo". Samjare (1991) deko da geesperantistoj eksterlandanoj agrable vizitis la belegan lagunan vilaĝeton "Amangoua-koi" kaj tie pasis belan sunbrilan tagon sub la freŝaj kokos-arboj ĉe la laguna bordo kune kun ni kaj niaj gelernantoj. Ni kantis, ludis, dancis kaj manĝis ĝissate kaj ĝislace en verda etoso internacia.

Krome menciindas ke la iama germana ambasadoro en Ebura Bordo estis esperantisto kaj invitis kelkajn membrojn de nia landa asocio, interalie min, al sia ambasada restadejo, tiel ke ni plene interparolis la verdan internacian lingvon kun la verda germana diplomato.

**Interna asocia krizo**

Bedaŭrinde je la jarfino (1991) okazis krizo inter ni la gejunuloj kaj niaj antaŭuloj, ĉar ni vigle kritikis kaj malaprobis iliajn fiajn agadojn kaj asocian administradon. Tiel ni tuj volis normaligi, ordigi kaj eĉ doni novan celdirekton al nia landa asocio, ĉar tiuj antaŭuloj niaj administris la movadon nur kamaradece, tiel ke ĝi iĝis stagna kaj ne aktiva kiel ni volis. Tiu ĉi nova sento kaj nova asocia koncepto nia ne plaĉis al niaj antaŭuloj, kaj tial ili kabeis. Do Yassi fariĝis la nova prezidanto de EBEA, tiel li pli efike kaj spontane sukcesis krei kelkajn klubojn en Abiĝano, Yamoussokro, Dabou ktp... Sed bedaŭrinde, okazis alia asocia krizo inter Yassi kaj Hans Bakker, ĉar antaŭe Hans Bakker multege kaj eĉ iom arbitre aprezis kaj apogis la ideojn kaj farojn de niaj antaŭuloj pro la simpla fakto ke ili estis laboruloj. Tamen ili ne kapablis pagi siajn monatajn kotizojn. Do la krizo inter Hans Bakker kaj Yassi koncernis la subvencion de UEA al EBEA (Hans tre ofte malaprobis la petitajn subvenciojn de EBEA fare de Yassi kaj la iama estraro de EBEA). Yassi ĉesis ĉiujn kontaktojn kun Hans Bakker kaj eĉ ĵuris ne plu rilati kun li, kaj bedaŭrinde tiel estis ĝis la forpaso de Yassi en 2005.

Do tiu ĉi inter samideana krizo multege infektis la landan movadon, ĉar UEA ne plu sendis subvenciojn al EBEA kaj tiu ĉi krizo trudis al EBEA sep jarojn da inerta morto.

Krome, se mi ne troigas pri la tuta landa historio de Esperanto, mi senhezite povas almenaŭ aserti ke tiu ĉi movada stagno okazis ankaŭ pro la simpla fakto ke du el ĝiaj agemaj kaj motorvigligantoj movadaj, nome s-roj Wallez kaj Antoine, estis jam for de Ebura Bordo.

**Revigligo de la landa movado**

En 1999 mi revenis al mia patrolando kaj arde komencis revigligi la landan movadon. Mi disdonis flugfoliojn Esperantajn al pluraj scivolemaj homoj tra Abiĝano kaj ankaŭ en kelkaj urboj de la lando. Mi ankaŭ instruis Esperanton en kelkaj publikaj kaj privataj lernejoj. Okazis la unua Esperanto-kunveno (post la kriza periodo) en la konferencejo de la ĉefministrejo de Abiĝano. Do ekde tiam la landa movado lame ekzistas kaj antaŭ du jaroj ni organizis seminarion pri instruado de Esperanto en Abiĝano dank' al la financaj helpoj de niaj gesamideanoj Renato Corsetti, Jean Codjo kaj Agnes Geelen, kaj ankaŭ de la landa komisiono de Unesko.

Tiel sen larmi oni povas diri ke la nuna situacio de la landa movado estas nek stabila kaj nek malstabila, ĉar daŭre okazas kelkaj kursoj, sed bedaŭrinde multaj el niaj nunaj geesperantistoj ege preferas nur lerni la lingvon (pro scivolemo) kaj memvole sin izolas, pro kio ili neniam ĉeestas asociajn kunvenojn.

Alia fakto estas ke ekde 1999, kiam okazis la unua landa ŝtatrenverso, ĝis nun, nia lando politike kaj ekonomie estas malstabila. Tiel la nombro de senlaboruloj multege kreskis kaj el nia eburborda esperantistaro ankaŭ estas senlaboruloj; fakte tiuj ĉi estas pli atentemaj pri siaj sociaj situacioj ol pri Esperanto. Tamen ni ne malkuraĝigu, ĉar mi certas ke iam ĉio estos samgrade normala kiel antaŭe. Tiam ni pli espereble kaj pli efike agados. Ĉar "nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante, ni iru la vojon celitan. Eĉ guto malgranda, konstante frapante traboras la monton granitan..."

Ĉu tiu ĉi bela strofo de Zamenhof el la poemo "La vojo" ne devus nin gvidi ĉiam al plia kuraĝo, pacienco kaj persisteco ĝis la fina venko?

Do ni esperu!

*Antoine Kouassi Kouablan (prezidanto de Kotdivuara Esperanto-Asocio)*